2ª jaro - Nº 4 (11) (Publication mensuelle) Aprilo 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14ᵉ
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

*Tiu ĉi kajero estas tre respekte*
*dediĉita al « NIA GAZETO ».*

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *). . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV[e]

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

LA PARIZA BROKANTFOIRO
Loka Kungrasa Komitato

la 31-an de aprilo 1934 *)

Honorindaj civitanoj,

Hodiaŭ finiĝis kun grandioza sukceso nia ĉiujara, mondfama foiro. Ĝin partoprenis 57 famaj brokantistoj kaj -kantistinoj, 12 antikvaĵistoj kaj 63 aliaj specialistoj.

Vi jam scias, ke okaze de tiu foiro ni vendis 214 ekzemplerojn de la unika, aŭtentika glavo de Napoleono. Niaj klientoj, aliflanke, aĉetis samtiom. Simile altan ciferon atingis la tualetsitelo de Karlo V-a kaj la inkujo de Frederiko II-a.

☆☆☆

Kompreneble, Esperanto okupas grandan lokon en nia grava manifestacio. Tiu ĉi letero estas almenaŭ la kvina, skribita pro la foiro. Sekve, oni povas aserti, ke 50 °/o de nia tuta korespondado estas en Esperanto.

El la eminentaj Esperantistoj, kiuj vizitis nin, multaj aĉetis stelojn kun granda rabato kaj iom difektitaj pintoj. Sed la literaturo ĝenerale ne multe interesis. Unu plena kesto da « Nia Gazeto » estis nek vendebla, nek — eĉ — aĉetebla. Kompetenta fiŝvendistino asertis, ke eĉ kiel pakpapero ĝi ne povas taŭgi. Sed ŝi aĉetis grandan kvanton da bona literaturo, tiel, ke ŝia multnombra klientaro kontaktiĝos kun via lingvo. La fiŝo, pagita kaj pakita, estos poste depakita, bakita kaj la tuta familio estos en...Baghy-ta ! Novspeca reklamo : Ne pere de l' afiŝo, sed pere de la fiŝo !

Ĉu vi komprenas nun, kian subtenon vi ŝuldas al ni ? Bonvolu ankaŭ viaflanke propagandi por niaj ĉifonistoj.

Post la foiro okazis la foriro.

Eterne via,

T. H.

*) Tiu ĉi letero okupus unu tridekonon da kolono en « Nia Gazeto ».




# "LA DEĴORANTA PIRATO" kontraŭ "LA DEĴORANTA FUŜULO"

---

Fine ! — En la aprila numero de « Nia Gazeto » la ĉefĉefkunlaboranto senmaskigas sin. Almenaŭ unu artikolon li tre lojale subskribas « La deĵoranta fuŝulo ». Evidente, tio estas pleonasmo, ĉar la tiel nomata artikolo lasis neniun dubon pri la tiel nomata aŭtoro. Tion, sendube, li komprenis mem, ĉar aliajn rubrikojn li ne subskribis. Ne grave. Sed, netolereble estas, — kaj kontraŭ tio ni horizontale kaj vertikale protestas — netolereble estas, ke la dirita fuŝulo plurfoje kaj uzurpe misuzis la nomon de Salo Kornfeld Grenkamp (kiel dirus Sala Fumal).

Al kelkaj, kiuj scivolis, ĉu oni ne celis per subskribo « La deĵoranta fuŝulo » krei certan similecon kun « la deĵoranta pirato », ni povas serene respondi, ke tio estas neverŝajna, ĉar tia simieco trompus neniun.

Sed pri kio temas ? — Ĉu ni estas malbonhumoraj, ĉar « N. G. » per « sarkasmaj » aludoj celas nin ? Tio estus kontraŭ ĉiuj reguloj de l' ludo. Ni tiom tedis aliajn per pek' kaj pik', ke juste povus esti nun ilia vico iomete vergi nin. Konsentite. Kaj mi povas aserti, ke — krom la botokuda abonanto de « N. G. » — ankaŭ mia fileto ridis (li havas hodiaŭ tri jarojn), kiam mi legis el la rubriko « Io, kio, povus esti vera... » (inter la tri lastaj vortoj ne estas komoj !) : « Oni renkontis s-ron Schwartz kun lia filo, kiam ili trinkis kafkremojn. Kion diras al tio la aliaj piratoj ? »

Nu, kara fuŝulo, mi ne scias, kion diras al tio la aliaj piratoj, sed mi scias, kion ili diras al vi. — Bonega ankaŭ estas la ŝerco pri « Mistinguette » kaj Schwartz. Mia nomo, almenaŭ, estas korekte skribita,

sed Mistinguett ne estos kontenta ! — Oni legas ankaŭ kion « La Pirato decidis por la *unua majo...* » — La akademio, cetere, ne estas pli feliĉa ol ni. La fuŝulo primokas ĝiajn komunikojn, aludante iliajn erarojn. Por tion fari, li bezonas kvar liniojn, en kiuj li sukcesas dufoje erari pri la tempo de l' verboj. — Ŝajnas, ke Ale Ben Tarip ne sufiĉe frapis sur liajn fingrojn. Aŭ... li ne konscias pri sia ridindeco.

Jen do, kion ni volas diri : Estas skandalo, kiun povas toleri nur la mildkoraj Esperantistoj, ke iu ĉuviminvidisulo, kies aŭtoritateco en lingvaj demandoj reprezentas trifoje nenion plus nul, kuraĝas kritiki aliajn ! Ĵus nia juna kunlaboranto Ale Ben Tarip substrekis per ruĝa krajono nur la ĉefajn fuŝaĵojn en la lasta numero de « N. G. » — ĉiuj rekordoj estas superitaj : « Nia Gazeto » aspektas kiel batalkampo !

Kaj por mirigi la botokudan abonanton oni, tute simple, ĵetas ŝtonojn al aliaj. Prave aŭ malprave, — ĉu tio gravas ?

En la « Redakcia Kesto » la dirita fuŝulo, kiel kestestro, respondas al s-ro C. C. (kiu, cetere, neniam ekzistis aliloke ol en gastama imago) :

*Al s-ro C. C.* — Vi demandas, kiom da loko okupus numero de « La Pirato » en la kolonoj de « N. G. » ? *Ne pli ol tri !* Vi miras, ke eĉ en tiom malgranda spaco oni povas trovi erarojn, spite tio, ke ĉiu pirato povas siajn kvar liniojn pli facile korekti dum unu monato ol ekz. « N. G. » ; la demandon direktu al piratoj.

Oni povas trovi erarojn ? Kaj kiel pruvon la fuŝulo citas, kion li trovis en nia marta numero (p. 33) :

*Al s-ro Nels.* — Ne, ni ne intencas imiti « La Piraton » kaj ni ne povus pagi al vi por ĉiu eraro trovita en la pirateto. *« Ni kopias... » :* kie estas la komplemento ? *« Esti devigata » :* kial ne *devigita ?* Kion signifas *vidigi intereson ?* Ĉio ĉi troviĝas sur la unua paĝeto de « La Pirato »... por klarigoj turnu vin al ĝi !

Ĉu estas ĉio ? — Ne estas nia tasko ĉi tie fari kurson por komencantoj, tamen, por ke ekzistu neniu dubo ĉe freŝe bakitaj amikoj, ni diras, ke ĉio ĉi troviĝas efektive sur la unua paĝeto de La Pirato *kaj estas absolute korekta.* La komplemento, kiun la fuŝulo per sia harpinglo ne sukcesis trovi, havas 25 liniojn ; — se ni skribus « devigita », li samrajte povus demandi « kial ne devigata » ; — koncerne la sufikson -ig kun verbaj radikoj D-ro Zamenhof mem sufiĉe klare pravigis nian formon en siaj « Lingvaj Respondoj » (prezo 6,— fr. fr.) sur paĝo 31.

Ankoraŭ el la sama kesto :

*Al s-ro H. R.* — Ni ne rekomendas al vi uzi « lingvkomitatano », kvankam vi trovis ĝin en La Pirato. Certe pli bona estas : lingvakomitatano.

Ho, trompanta fuŝulo, « si tacuisses »,... vi ne estus dirinta unu azenaĵon pli.

Nun Ale Ben Tarip, jam duan fojon, montros al vi, kio estas eraroj kaj fuŝaĵoj. Se okazus al hundo, ke oni tiamaniere jam duan fojon metus ĝian nazon en... la komplementon, estu certa, ke ĝi ne rekomencus. Tiu konstato, kompreneble, ne malhelpas, ke nia bonfarta Pirateto riverence palpebrumas al... « Nia Fuŝgazeto ».

RAYMOND SCHWARTZ.

---

**Dekduo da fuŝaĵoj (ankoraŭ!) el " Nia Gazeto ", pri kies aŭtentikeco dubo ne povas ekzisti *)**

Paĝo 3 : *ŝanĝantan* vojiron... devas esti *ŝanĝiĝantan.*
» 4 : ... laboristoj kantas dum *ilia* laboro... devas esti *sia*...
» 6 : ... iom *post* venis homo...
*Post* mi eliris, ekbruligis mian domon kaj...
en ambaŭ okazoj devas esti *poste.*
» 7 : Elseto... aŭdis *ŝian* amikinon... devas esti *sian.*
» 7 : pentras pejzaĝ*oj*...
» 7 : ... kiu persekutas la tri forkurint*oj*...
» 7 : ... kelkaj superpatriotoj pro *iliaj* deziroj... anst. *siaj.*
» 7 : Pri tio, laŭ nia opinio, oni ne povas diskuti, *se* iu neinteligenta azeno opinias, ke lia najbara ĉevalo *ĉu* bovino malbele blekas.
Admiru la stilon, junuloj ! — Tiu *ĉu,* eĉ se la fuŝulo ĝin ripetas milfoje, neniam estos korekta. (Vidu Lingv. Resp. p. 67 !)
» 7 : Direktu *alien* viajn pensojn...
Anstataŭ kopii strangaĵojn de SAT, estus pli saĝe imiti la perfektan redaktadon de ĝiaj eldonaĵoj !
» 7 : ...kiel faris la simpatia*n* kaj bonega*n* « La Praktiko »...
» 8 : ... Tiuj, kiuj plene trastudis la fundament*o* ĉiam*a* kaj ĉie*a* por la unueco de nia Lingvo...

Kaj vi kuraĝas riproĉi malkorektaĵojn al la Akademio, al « nia oficiala organo », al La Pirato kaj al aliaj ? — Vi estas juĝita.

ALE BEN TARIP.

---

*) Tiaj fuŝaĵoj okupas ĉiujn kolonojn en « Nia Gazeto ».

# KIEL ILI ŜMIRAS LA HISTORION *)

Pariza ĵurnalo, *L'Ami du Peuple,* publikigis en sia numero de la 19-a de marto la ĉi suban artikolon:

LA LASTA ESPERANTISTO

Ĵus mortis en Varsovio S-ro Leono Zamenhof. Li estis la frato de Ludoviko-Lazaro Zamenhof, aŭtoro de Esperanto, kiu mortis en 1917. Li estis ankaŭ lia posteulo sur la katedro de Esperanto, kreita de tiu ĉi. S-ro Leono Zamenhof parolis kaj skribis nur en Esperanto. Li publikigis multajn poemojn, romanojn kaj filozofiajn verkojn. Li eĉ tradukis en tiun lingvon la plej famajn romanojn de la mondo. Li tiom kultis Esperanton, ke li devigis siajn du servistojn lerni ĝin, ĉar li neniam konsentis ordoni al ili en la pola lingvo, kiun cetere ĉiuj tri perfekte konis. Kiam li estis juna, S-ro Leono Zamenhof fianĉiĝis kun bela fremdlanda junulino, kies doto reprezentis kelkajn dekojn da milionoj. Li subite rompis ĉiujn rilatojn kun ŝi nur tial, ke la fraŭlino ne konsentis lerni Esperanton!

Ĉiuj Esperantistoj sendube rimarkis tuj, ke troviĝas en tiu bone dokumentita artikoleto kelkaj eraretoj. Tial ni opiniis nia devo sendi al *L'Ami du Peuple* la necesan korekton, kaj kiam temas pri nia devo, eĉ infanteria regimento ne kapablus haltigi nin.

Tre estimata sinjoro ĉefredaktoro,

Kun granda intereso, kiel ĉiam, ni legis vian artikolon « La lasta Esperantisto », aperintan en via ĵurnalo, bone informita, kiel ĉiam. Sed — verŝajne pro komposteraroj — enŝteliĝis kelkaj, negravaj malĝustaĵoj. Permesu al ni restarigi la veron.

La lasta Esperantisto ne nomiĝis Zamenhof (tiel nomiĝis la unua), sed Burlekrann. Li ne mortis en Varsovio, sed vivas en Hamsumpom. Li neniam okupis la katedron de Esperanto, sed la polan reĝtronon. Vere estas, ke li abdikis tial, ke « en Polujo oni manĝas la tripojn ĵaŭde kaj dimanĉe » **). Krom tio li estis la tridek-dua kromedzo de S-ino Pompadour. Li freneziĝis post tralego de « Nia Gazeto ».

Tamen, ni ne kuraĝas aserti, ke S-ro Burlekrann estas la lasta Esperantisto, ĉar se vi ricevus de ĉiu el la ankoraŭ postvivantaj Esperantistoj sur via honorinda postaĵo la piedbaton, kiun vi meritas, estu certa, ke la plej valora korpoparto de via redaktora moŝto jam post duontago ne plu ekzistus. Kaj tio estus vere bedaŭrinda, ĉar de nun vi devus ĉerpi viajn fabelojn el via kapo.

Tion, cetere, ni sincere deziras al vi.

Komisiite de La Pirato
A. B. C. Awful.

---

*) ... okupus unu kvardekonon da kolono en « Nia Gazeto ».
**) Laŭ Kabe.

# Mia Recepto

Nia simpatia kunfrato « Nia Gazeto » ĵus iniciatis enketon, pri kiu oni prave povas diri, ke ĝi aperas ĝustamomente kaj tial multe helpos al Esperanto-verkistoj kaj -eldonistoj. « Nia Gazeto » demandas ĉiun konscian Esperantiston, kiel li elektas siajn esperantajn librojn: kio decidigas, ĉu nomo de l' aŭtoro, ĉu titolo, ĉu recenzo, ĉu prezo, ĉu katalogo, ĉu konsilo, ktp.

Por utili al la enketanto kaj eble al kelkaj legemuloj, mi liveras tute senpage al la publiko mian metodon. Ĝi estas iom malsimpla, sed tiom pli interesa kaj ĝi certe plaĉos al matematikuloj. Ĝi jam utilis al mi en la elekto de pli ol 90 libroj, kaj tial mi opinias ĝin tre valora.

Ekpreninte la katalogon de la Esperantista Centra Librejo *), mi pri iu verko serĉas la kvocienton $\frac{\text{surfaco de ĉiuj paĝoj}}{\text{prezo}}$. Ekzemplo plej trafe klarigos la metodon. Ni prenu, kiel klasikan tipon de la esperanta literatur-libro, « Trans la Fabeloceano » de Szilágyi; formato meza, prezo meza, priintereso ankaŭ meza. Ĝi ampleksas 136 paĝojn 13 × 19 kaj kostas 15 fr. fr. Post rapida kalkulado, ni ricevas la indicon 22,4. Ju pli granda la indico, kompreneble des pli interesa kaj ŝatinda la libro.

Profesiaj harfendistoj certe diros, ke estus pli racie kalkuli ne la surfacon de la paĝoj, sed la nombron de l' kompostitaj linioj! Sed tia sistemo estus evidente tro teda, kaj, certe, donus la samajn rezultatojn.

Dujara sperto montris al mi, ke libro kun indico de pli ol 20 estas aĉetinda. Jen tabelo laŭ la dirita sistemo, kiu montras la valoron de la plej fame konataj verkistoj:

| | | |
|---|---|---|
| Kalocsay... | Rimportretoj . . . . . . . . | 12,1 |
| » | Eterna Bukedo . . . . . . . | 17,3 |
| Grenkamp.. | 5.000.000 . . . . . . . . . | 18,9 |
| Sturmer.... | Por Recenzo . . . . . . . . | 19,7 |
| Baghy...... | Viktimoj . . . . . . . . . | 22,3 |
| » | Hura! . . . . . . . . . . | 28. |
| Zamenhof... | Originala Verkaro . . . . . | 33.3 |
| Jung....... | Alta Kanto de la Amo . . . . | 34,1 |
| » | Landoj de Fantazio . . . . . | 47,3 |

Pli profunda esploro rilate nian ŝipestron montras, ke, de lia unua ĝis lia laste aperinta verko, la indico ĉiam plimalgrandiĝas.

*) 11, rue de Sèvres, Paris, poŝtĉekkonto: Paris 196.01.

| | |
|---|---|
| Verdkata Testamento . . . . . | 26,4 |
| Prozo Ridetanta. . . . . . . | 25,6 |
| Anni kaj Montmartre . . . . . | 22. |
| La Stranga Butiko . . . . . . | 22. |

Ĉu tio ne indikas bedaŭrindan elspiriĝon de tro frue velkinta talento ?

Plia avantaĝo de tiu metodo estas la ĝojiga malkovro de ankoraŭ ne diskonigitaj talentoj. Foliumante la katalogon, mi ĵus rimarkis, ke la libro « Idoj de Orfeo », de iu H. J. Bulthuis, 542 paĝ. 13 × 18, prezo 22,50 fr. fr., havas la neimageblan indicon 56,3. Tiel signalinte tiun sciigindan fakton al la Oficialaj Instancoj kaj al recenzistoj, mi fulmrapide kuras al la Librejo por nepre havigi al mi la unuan, eble dediĉitan, ekzempleron de tiu certe mirinda ĉefverko.

ROGER BERNARD.

---

# LA POSTKONGRESA EKSKURSO AL LA NORDA POLUSO




(Por ilustri nian lastmonatan artikolon « Modernaj Vojaĝinvitoj » ni ricevis la supran fotografaĵon de anonima sendinto. Tiu ĉi povus senriske komuniki al ni sian nomon. Tamen, dankon ! — En « Nia Gazeto » tiu ĉi artaĵo okupus apenaŭ du liniojn.)

# Fabelo pri digestado *)

Foje en herbejo estis
Dika bovino kaj... digestis.
Kion faru do bovino,
Kiam laŭ bovindestino
Ŝi devas sola resti,
Se ne digesti?

Krome, — por bovino, kiel por multaj el nia grupo,
Digesti estas... ĉefokupo!

Sur tapiŝo de l' natur'
Ŝi re-maĉis kun plezur'
Herbetojn kun aŭ sen parfumo,
Kvazaŭ estus maĉogumo...

Ŝia farto? Ŝia sano?
Dankon, gesamideano!
Certe, ke vi sana estus,
Se vi kiel ŝi digestus
Ne nur herbojn, dornojn, florojn,
Sed diversajn rub-trezorojn,
Ŝtrumptenilojn (kun butonoj),
Kiujn dum printempsezonoj
Geamantoj senatente
Tie perdis aŭ deŝiris akcidente.
Al bovin' egale estas:
Ŝi digestas.

He, sed vidu! — En galopo
Venis petolema porko,
La plej ruza en Eŭropo,
(Sur kvar ŝinkoj el Novjorko)
Kaj ĝi grumblis, gnuf-gnuf-gnufe,
Kvazaŭ temus plu pri Ufe...

(Ĉar por porko, kiel por multaj el nia grupo,
Grumbli estas... ĉefokupo!)

---

*) Tiu ĉi rimarkinda poemo okupus unu dudekonon da kolono en « Nia Gazeto ».

Sed aŭskultu, kion peris
Tiu porko al bovin':
« Ĉu vi scias, karulin'?
Nia fak-organ' aperis!
Provu do, jen « Nia Gazeto »
Bongusteta kiel beto... »

Sed apenaŭ la bovin'
Avidege manĝis ĝin,
Jen sur dorson jam ŝi falis,
Ĝis en vostopinto palis,
Pro stomakdoloroj ĝemis,
Tiom, ke la nuboj tremis:
« Vere, — estis troa dozo,
Kaj mi devas manifesti,
Ke ok paĝojn de tiu ĉi prozo
Eĉ bovino ne povas digesti! »

RRRRRRR.

# Pirate tra la Gazetaro

« NIA GAZETO » (aprilo): — « Antaŭ nelonge mortis imperiestro kaj lian morton priploris sincere... »

*Sendube temas ĉi tie pri Stavisky, imperiestro de l' friponoj, ĉar — laŭ nia scio — alia imperiestro ne mortis lastatempe.*

SAMLOKE: — Parolas la Lingva Konsilanto (!):

« ... ne ŝajnas konsilinde uzi la verban formon de *vanta*, kvankam ni trovas eĉ ĉe Zamenhof: Viaj patroj sekvis vantaĵon kaj mem vantiĝis. »

*Sed eĉ ĉe Zamenhof* vantiĝis *neniam estis verba formo de* vanta. *Negrave,— ĉefafero estas mirigi la botokudan abonanton!*

SAMLOKE: — El la rubriko (pli ĝuste rubbriko) Tra la gazetaro:

« Franca Esperantisto... — ĝia simpatia revuistino miksas nin kun iu monata eldono, kiun ĝi ne vidis... »

*Ĝi? — Per tia ĝentilaĵo ili rekompencas la honoron, kiun la simpatia revuistino faris al « Nia Gazeto », miksante ĝin kun alia monata eldonaĵo.*

SAMLOKE: — El la « Bonhumoraj Eroj », sub la titolo « Pravigita malkontento »:

— Tio ja estas terurega. Post mia koncerto mi ricevis nur kvin florkronojn!

— Nu, vi ne estas ankoraŭ kontentigita, ho postulino?

*Ĉu la legantoj ne havas la impreson, ke kun tiu postulino (?) kiu* ne *estas* ankoraŭ *kontentigita, oni mokas ilin? Pravigita malkontento!*


R. Laval

# S. O. S. — S. O. S. *)

La paciento (mondsituacio) kuŝis ege malsana. La kuracistoj (Ligo de Nacioj) staris kun profunde ĉagrenita mieno ĉe la lito de l' malsanulo. Oni estis devigata malfermi la korpon.

La malsanulo kuŝas sur la operacia tablo kaj ĉiuj organoj estas nun videblaj. Finfine oni komprenas, ke la tuta aparato malsaniĝis. La koro (ekonomio) laboras nur timeme, popece; la sangoalkonduko (mono) tial estas malhelpata, ĉar ankaŭ la vejnoj (trafiko) brulumiĝis. La funkciado de la spino (borso) estas tre mistera. Ankaŭ la spina medolo (oro) estas endanĝerigita. La ostaro (nacioj) minacas disfali, ĉar la muskolreto (homaro) estas senenergia. La tendenoj (internaciaj rilatoj) perdis sian elastecon. La pulmoj (agrara ekonomio) laboras nur kun plej granda peno, ĉar ili estas plenplenaj de polvo. La stomako (industrio) pro troa abundo ne plu ĉion povas digesti; la glandoj (maŝinoj, laboristoj) miksas la uzitan nutraĵon malegale kaj tio kaŭzas de tempo al tempo ventrodolorojn (revolucio). La galo (bankoj) donas de sia suko nur tiam, kiam ĝi estas premata, kaj eĉ tiam nur malmulte. La maldika intesto (aĉetemo) povas nur malmulte konsumi; la dika intesto (komerco, foiroj) troviĝas tiel plenplena, ke oni pristudas la demandon, ĉu ne estus eble, ĝin kuraci per klistero, glicerino aŭ operacio, por ke ĝi malpleniĝu. La ĝis nun uzitaj saporimedoj (Clearing) kaŭzis nur etan laksigon. En la cekumo (diplomatio) formiĝis abscesoj. La renoj (justeco), la hepato (eklezioj) kaj la lieno (polico) laboras ne kontentige kaj, sekve, tio ne restas sen reefikoj sur la ĉelojn (homoj), sangon kaj korpon. La veziko (pruntoj) ne plu kapablas forigi la urinon (ŝuldoj) kaj tial la akvo (ŝuldiĝo) trapenetras la tutan korpon kaj akre atakas la koron. La nervoj (politiko) estas tiel ekscititaj, ke ĉiu puŝo povas kaŭzi ruiniĝon

---

*) Ne temas pri « Nia Gazeto », kompreneble !

(milito). La buŝo (parlamentoj) kiel kutime sin malfermas kaj fermas ne sufiĉe maĉinte la nutraĵojn. La lango (partioj) sin mallerte movas kaj perdis preskaŭ tute la gustumkapablon. La dentoj (kapitalego), pro nur unuflanka moviĝo de la makzelo, sur unu flanko plilongiĝis kaj tio malhelpas bonan maĉadon. La cerbo (registaroj) ne plu kapablas al klara penso, ĉar sekve de ĉiuj korpaj doloroj ĝi laciĝis. La aŭdado (ĵurnalismo) ne laŭdeve funkcias, ĉar ĝi tro ofte miskomprenas, kion la lango volis diri. La voĉo (gazetaro) estas tro nekomprenebla, unufoje estas murmurado, alifoje estas bruegado. Kion la okuloj (poetoj, verkistoj) vidis, tio por la ceteraj organoj restas kaŝita. Al la nazo (scienco) oni dediĉas tro malmulte da atento.

La brakoj (armeoj) male de l'aliaj organoj, konserviĝis tre fortaj kaj la ungoj (armiloj) aspektas danĝere minacemaj; kiom ofte oni tondas ilin, tuj poste ili rekreskas. La provo, malhelpi ilian kreskadon per bandaĝoj (kontraktoj) malsukcesis, ĉar eĉ la bandaĝojn ili tratruis. Ankaŭ la haroj (vegetacio) montriĝas diversparte ankoraŭ tre vivoplenaj, sed aliflanke oni trovas ankaŭ senharajn partojn (mizero), kiuj verŝajne suferas pro nutraĵzorgoj. La kruroj (metio, profesio) estas tiel senfortaj, ke ili ne plu kapablas porti la korpon. La piedfingroj (vendado podetala) estas velkintaj. La rektan marŝadon oni povas ebligi nur per lambastonoj (subvencioj).

La tutan korpon oni nun intencas meti en gipson (kvaropa kontrakto), sed ĉu tio malhelpos la kompletan disfalon? Ĉar la naturo (fisko) de la malsana korpo postulas ĉiam pli da laborservoj (impostoj)!

...Inter la kuracista kolegaro regas konfuzo kaj malinterkonsento. Estas necese serĉi konsilojn ĉe la publiko. S. O. S.!

E. Imhof — K. M. Liniger.

*« Per iliaj fruktoj vi konos ilin. Ĉu el dornarbetoj oni kolektas vinberojn, aŭ el kardoj figojn? »*

*Evang. de S ta Mateo, VII. 16.*

# Bumm... Bumm... Bumm...




— Kion vi opinias pri la originala poemaro de Zamenhof?

— Pfft, — tute ne menciinda. Ĝi okupus apenaŭ tri kolonojn en « Nia Gazeto ».

## *Ni gajnis nian veton!*

En sia januara numero La Pirateto diris : « Ĝis nun mankis internacia gazeto ĉiumonata, kiu estas vere 4-kolona,... kaj ni vetas, ke tio ne estos la sola originaleco de "Nia Gazeto". »

Nun oni konas ĝian alian originalecon. Ni gajnis.

## *Neniam kontenta.*

— Nu, S-ro Grumblul, ne kontenta? Vi tamen estas abonanto de « Nia Gazeto »?

— Jes, kaj tial mi estas furioza. La leginda parto ne estas legebla, dum la legebla parto ne estas leginda.

*En restoracio.*

— Pardonu, sinjoro, ĉu tio estas mia « Nia Gazeto » aŭ via « Nia Gazeto » ?

— Nek mia, nek via ; — fia.

*Rekomendo.*

— Do, resume, vi ne rekomendus « N.G. » al novaj Esperantistoj ?

— Male ! — Ili lernu el ĝi, kiel oni devas ne skribi Esperanton.

*Diferenco.*

— Estas gazetoj, kiuj vekas abonemon...

— ... kaj aliaj, kiuj vekas abomenon !

*El konversacio...*

— Ili havas ankaŭ famajn kunlaborantojn ĉe « N. G. ». En la aprila numero mi rimarkis la subskribon de Mark Twain.

— Ĉu estas eble ? — Ankoraŭ dum februaro tiu verkisto laboris ĉe « Esperanto ».

*La plej...*

« Nia Gazeto » kostas nur dek frankojn...

Efektive. Oni povas diri, ke ĝi estas la plej... malklara gazeto.

*Por mediti...*

Kiam oni pripensas, ke « Heroldo », tiu « semajnulo en 16 paĝoj », eĉ preserarojn preskaŭ ne havas...

*KONKLUDO.*

Mi kalkulis, ke per unu numero de La Pirateto oni povus plenigi apenaŭ kelkajn dekonojn da kolonoj en « Nia Gazeto » kaj mi demandas min, kiel ili povas nigrigi tiom da papero.

Per la dekonaĵoj de la fuŝulo !

Jules Laribois.

(Kiel oni ĵus povis konstati, nia kunlaboranto ankoraŭ ne tute resaniĝis. Kelkaj el niaj amikoj jam scias, ke okazis al li bedaŭrinda akcidento. Grimpinte dum iu nokto — verŝajne sub influo de l' printempa luno — ĝis la pinto de nia busprito *), li subite deglitis, falis kaj rompis la buon **). Restis nur la sprito, sed ankaŭ ĝi estas iom difektita.)

---

*) Busprito : masto sur antaŭa parto de la ŝipo.

**) Buo : naĝbarelo. (Ni rekomendas al niaj samŝipanoj lerni la maristan terminaron.)

# L' Evento *)

Ja kiam S-ro Gaston Waringhien estis elektita prezidanto de la Franca Esperanto-Instituto, la piratoj ne povis deteni sin de ĝoja ekkrio. Sed, kiam ni eksciis, ke li estas kandidato por la diplomo pri « altaj Esperantaj studoj » ni ĉiuj, kadence kaj laŭvice, frapetis nian postaĵon sur lukse binditan ekzempleron de la Kontrakto de Helsinki. Pulbuŝel klaketis per delikata lango kaj glutis la lastan guton de sia ĉiusemajna laktokafo. Kun varma elokventeco li konsilis al mi ĉeesti la ekzamenan spektaklon. Liajn parolojn mi ne kutimas diskuti, nek malobei. Provizita je mia fidela 18-ĉevalpova fontoplumo kaj poŝboteleto da viskio mi komencis tuj kaj senprokraste la ekspedicion.

Lerte subaĉetita homo instalas min en libroŝrankon, kie mi sidas, se ne tiel komforte, kiel sur nia ferdeko, almenaŭ en taŭga pozicio por vidi iomete kaj aŭdi ĉion.

La ceremonio estas senartifika; impona pro simpleco kaj koncizeco. La maljunaj eminentuloj estas solene vestitaj per la festjakoj, zorge brositaj — por forskui la ennestiĝintajn tineojn, kiuj postvivis la naftalinan haladzon. Ili sidas **), konsciaj pri la graveco de l' okazaĵo, sur alta podio. Silento regas kaj oni pli divenas ol sentas ian noblan emocion, kiu plenigas la malplenan ĉambron. La ekzameno estas sekreta kaj tial, kompreneble, nepublika.

Subite la grinca voĉo de la pedelo laŭte vokas la nomon de tiu, kiun ĉiuj atendas. Li penetras en la salonon, kun humile mallevita kapo. Griza punĉemizo kovras lian korpon dum malnova, velkfolia Fundamento okupas liajn manojn. Al la demandaro de l' prezidanto li donas respondojn, kiujn oni sentas zorge pesitaj kaj pensitaj. Certe, la demandoj estas elektitaj el la plej malfacile solveblaj. Ekzemple, la unua:

« Donu al ni la nomojn de la 25 ĝis nun okazintaj Internaciaj Kongresoj, komencante per la lasta! » k. a.

Sed la novico trovas ĉiam trafajn respondojn kaj klarigojn — kun nur maloftaj, apenaŭ rimarkeblaj ŝanceliĝoj. La impreso sur la juĝantaron estas giganta kaj raŭketaj tussonoj klare evidentigas emocion, kiu atakas ankaŭ min mem kvazaŭ kokida osteto, kiu estus alkroĉiĝinta en mia gorĝo. Ĝin mi provas kontraŭbatali per iam-iama glutado el la jam aludita viskibotelo...

Mi aŭdas plue:

— « Kio estas la regulo de 'sia'? »

---

*) Niaj legantoj certe senkulpigos nin pro la okaza neologismo, kiam ili plue legos kaj sciiĝos pri kio temas.

**) T. e. la eminentuloj, ne la tineoj!

— « La regulo de 'sia' estas leĝo de toleremo ; ĝi signifas, ke ĉiu rajtas havi sian propran Esperanton. Verdire, nur malmultaj obeas tiun regulon tiel fidele, kiel mi, kiu kreis tre interesan dialekton de nia lingvo. »

Nun sekvas pli malfacila demando. Li devas citi parkere dek oficialajn radikojn el la Fundamento. Ĝis la 8-a li apenaŭ hezitas, sed por la du lastaj li bezonas longe serĉi en sia memoro. Fine li sukcesas ; kiel 9-an li elparolas « tabl » kaj kiel 10-an « lamp ».

Al la demando : « Kio estas la akuzativo ? » la kandidato trovas brilan kaj spritan difinon. — « Akuzativo », li rediras, « estas abomeninda manio, kiu incitas la laikojn nomi min akuzato pro neologismemo, kvankam, efektive, miaj tekstoj entenas ne pli ol 48,7 % da novaj vortoj, do malpli ol la duono. » — Tiun neforgeseblan deklaracion la ĉeestantaro unuanime tondre aplaŭdas.

Tiu homo ŝajnas nevenkebla. Tiam iu ruza eminentulo (sendube akademiano) proponas kun malica rideto, ke li substreku ĉiujn nekorektaĵojn en « Nia Gazeto ». Nu, la kandidato brave komencas, strekas, strekadas, foruzas unu krajonon, du krajonojn..., dek krajonojn... jam pasis du horoj kaj li ankoraŭ senhalte sub... sed kio okazis ? — Ve ! La kandidato svenis...

Inter ni dirite, tiajn taskojn oni devus estontece eviti. Ili kontraŭas la plej elementan principon de l' humaneco.

Kiam la kandidato rekonsciiĝas, la prezidanto subskribas la « Ateston pri Kaplaceco » kaj la ekzamenito ricevas la diplomon pri « Altaj Esperantaj Studoj ». Honora Seltz-akvo estas tuj poste servita kaj vigla tosto eldirita en franca lingvo, por ke ĉiuj komprenu, ke oni aklamas : « Vivu la Prezidanto de la Franca Esperanto-Instituto ! »

MAFJA.

---

Al sinjoro Salo Grenkamp :

Jes, vi pravas ! Vi certe ne povos pagi min por eraroj troveblaj en La Pirato, ĉar... por ke oni povu rikolti erarojn en La Pirato, necesus, ke vi kunlaboru.

Sed mi faros al vi peton. Proksiman fojon, kiam mi faros konfidencojn al vi, konservu ilin por vi ; agante, kiel vi faras, vi riskigas mian situacion de kunlaboranto de L. P. kaj dum la nuntempa krizo tio ne estas bela ago.

JOSEPH NELS.

---

## *NUANCOJ...*

*Aŭstrujo : « Nia Dollfuss... »*
*Germanujo : « ... ni adolfas ! »*

# Memorinda dato en la historio de l'Mondo estos la 16-a de Junio nunjara!

Jes, tiun tagon, vespere, okazos la ĉiujara festmanĝo de la piratoj. — Nia organiza komitato sin turnis jam al la transportkompanioj parizaj, por ke ĉiuj samŝipanoj, kiuj dank' al afabla sorto loĝas en aŭ ĉirkaŭ Parizo, povu kiel eble plej rapide alveni al nia kaverno, kaj jam ĝi atingis tre favorajn kondiĉojn! Sufiĉos montri unu kajeron de La Pirato kaj pagi la kutiman veturprezon por havi la rajton uzi kiun ajn transportilon. — Similajn kondiĉojn ni esperas ricevi eksterlande.

Nia amiko Paul Echardopoulos, el Ateno, jam anoncis sian partoprenon.

## PROVIZORA PROGRAMO

Depost la 6-a p. m.: Interkonatiĝa aperitivo.

Je la 8-a: Labora kunsido. — La tiurilatan menuon ni publikigos en nia proksima numero.
Poste «Homera Universitato» (tiel nomata pro la ridego). Multaj agrablaj surprizoj kaj — tion ni ĵuras — oni ne parolos pri... «N. G.»!

Ĉirkaŭ noktomezo: Postbankedaj ekskursoj. Diskreteco garantiata.

Do, ŝparu jam nun!!!

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al F-ino S. C. en P. — Dankon pro via sendaĵo. La okcidentalaĵon ni ricevadas mem.

Al S-ro J. C. en M. — Via solvo entenas ankoraŭ unu malĝustaĵon. Anstataŭ ĝia metu sia kaj ĉio estos en ordo. Ambaŭ variantoj estas bonaj.

Al S-ro R. I. en P. — Dankon pro via afabla karto. Ni faris nur nian devon, kaj eĉ ne sufiĉe. Tial ni daŭrigis en tiu ĉi numero.

Al S-ro O. B. en B. — Ĉiu havas la rajton labori per sia plumo. Sed anstataŭ por skribi estus pli bone, se kelkaj ĝin uzus por kirli pudingon, kio estas unika recepto por fari plumpudingon.

Al S-ro B. S. en S. — Dankon pro gazeteltranĉaĵoj kaj fotobildoj. Ni baldaŭ respondos pli detale per letero.

Al S-ro J. S. en N.: — «Ĉar la Pirato funkcias, ĝi povus disdoni dividendojn...» — Vi estas tute prava, kaj kun nia junia kajero vi ricevos belan premion: La Ludon de l' Piratoj. — Paciencigu ankoraŭ iomete.

*Le Gérant :* ROGER BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

## NIAJ ABONEJOJ

---

*Aŭstrujo:* S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II.* — Unu jaro: S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo:* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro: Kr. 20,—.

*Germanujo:* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto: Berlin 293 18. — Unu jaro: RM 2,10.

*Granda Britujo:* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo:* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro: Pesetoj 6,—.

*Italujo:* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro: Lit. 12,50.

*Japanujo:* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro: 3,50 jenoj.

*Nederlando:* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto: 230 505. — Unu jaro: Guld. 1,25.

*Polujo:* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo:* S-ro Oskar Svantesson, Karl Johansgatan 61, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro: Kr. 3,75.



**Kun nia junia numero**
**ĉiu abonanto ricevos aldone**
**la amuzan LUDON DE L'PIRATOJ!**